# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 49 (2) MARTO - APRILO/86



A D R E S O   D E   A. E. A.

Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918   GIJON - 6

- - - - - - - - -

E N H A V O



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.
Depósito legal n-ro O/319/85

## ĈU ESTI AŬ NE ESTI...

Lastatempe la Homaro alfrontas hamletan dilemon: ĉu plivivi aŭ sin armi per ĉiaspecaj amasmortigiloj kaj per la galaksia neŭtronarmilaro poreterne formalaperi kaj ne plu reveni? Ni kiel esperantistoj, sed des pli kiel homoj!, devas fari niajn eblojn por ke baldaŭ ekregu saĝeco en la cerboj de la diverslandaj gvidantoj kaj ili atingu pacajn interkonsentojn.

Kompreneble ja niaj "ebloj" tute ne konsistigas gravan atuton por influi tiajn aferojn; sed Ni disponas Esperanton, tiun mirindan lingvon kies ĉefa celo, ekde sia naskiĝo, estas ke la homoj interkompreniĝu kaj atingu pacan kunvivadon.

Kaj per Esperanto Ni povas, en kontakto kun ĉiuj mondaj popoloj, disvastigi niajn porpacajn sentojn kaj ilin kontaĝi tiele pliampleksigante la Armeon de por-Pacaj batalantoj.

Do, Ni agu tiucele kaj laŭ niaj kapabloj atingu ke tiu ĉi jaro estu vera Jaro de Paco, kaj tiele Ni des pli solene omaĝu Nian Jubileon!

Pri la Jubileo favoran aŭguron konsistigas le fakto ke precize ties sojlo estu Jaro de PACO.

ADONIS.-

NIA ANTENO

Kiel promesite jen ni hodiaŭ iom "pli detale kaj amplekse" raportas al vi pri la okazonta 1-ª Asturia Kongreso de Esperanto, en la urbeto Navia, de la 27-a ĝis la 29-a de venonta Junio. Kaj tiucele ni ĉi sube priskribas la koncernan Provizoran Programon:

1-a ASTURIA KONGRESO DE ESPERANTO

Vendredo, la 27-an. - Je la 18-a horo. Akcepto de la gekongresanoj kaj disdonado de dokumentoj en Lernejo "Ramón de Campoamor", avenuo Manuel Suárez; poste kaj en la sama loko okazos la koncerna Interkona Vespero.

Sabato, la 28-an.- - Je la 11-a horo. Ekzamenoj pri Esperanta kapablo, fare de I. L. E. I., en tiu menciita Lernejo "Ramón de Campoamor".

Je la 18-a horo. Oficiala Malfermo de la Kongreso en Kinejo "Fantasio", Avenuo José Antonio. Post la Malfermo alvenas la vico de salutoj far la Delegitoj de Grupoj, Sekcioj k.t.p.

Je la 20-a horo. Folklora Festo kaj disdonado de Diplomoj al la sukcesintaj ekzamenitoj.

Dimanĉo, la 29-an.- - Je la 10-a horo. Sankta Meso en Esperanto, en la Paroka Preĝejo, strato Párroco Trueba.

Je la 11-a horo. Kolokva parolado en Esperanto pri: " La Eŭropa Ekonomika Komunumo bezonas nian Internacian Lingvon.", fare de S-ano. J. C. Chapuli Motta, prezidanto de L. K. K.

Je la 13-a horo. En la Kazino de Navia, Avenuo José Antonio, okazos Laborkunsido de la gekongresanoj post kiu oni eltiros la koncernajn "finajn konkludojn" el la Kongreso.

Je la 15-a horo. Oficiala Bankedo en restoracio "Hostal Blanco", strato La Colorada, post kio okazos la ĝenerala Adiaŭo!.

Por loĝado, bonvolu skribi al la L. K. K., strato Mariano Luiña, 17, Navia (Asturias).

Kiel alveni al Navia.- El Galegio pere de la fervojo "Ferrol - Gijón", rekte ĝis Navia. El aliaj hispanaj regionoj estas prefere veturi al Gijón kaj el tie, pere de aŭtobusoj aŭ fervojo, estas tre facile vojaĝi ĝis Navia.

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =

Do, jen Ni plenumis la promeson pri iomete "pli detala" informado pri nia 1-a Asturia Kongreso de Esperanto. Bonvolu Nin rekompenci per malavara partoprenado en tia grava kaj ĝojiga evento. Antaŭdankon!

= 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 = 0 =0 = 0 =

ADONIS.-

# La verda komisarejo

## OFICIALA KOMUNIKO

Sindonaj membroj de la taĉmento "VERDASTELO" arestis dum la ĵus pasintaj semajnoj la lingvoteroristojn, kies nomojn kaj fiagojn ni publikigas ĉi sube.

DISTRIKTO DE LA ALIĜILO AL LA 46ª HISPANA KONGRESO

La t.n. GENAN, kiu uzurpas la oficon de s-ro JENAN en la 13ª linio.

La t.n. KONGRESKOTIZO, kiu aŭdacas aperi en la linio 14ª sen la deviga finaĵo "n".

La t.n. KONGRESDONACO, kiu agas tute same en la 15ª linio.

La t.n. FORKSTREKU, kiu uzurpas la rolon de s-ro FORSTREKU en la 18ª linio.

La t.n. LA, kiu uzurpas en la sama linio la postenon de s-ro TION.

DISTRIKTO DE "HEROLDO DE ESPERANTO", n-ro 4-5 (1743-44)

La t.n. DESPERON, kiu aperas en la paĝo 5, en la 5ª linio de la 2ª kolumno, sen ia legitimkarto.

La t.n. MALVOLVADO, kiu uzurpas la metion de s-ro DISVOLVADO en la sama paĝo, 3ª kolumno, dufoje en la 3ª kaj 4ª linioj.

La t.n. VIDINDAĴOJN, kiu aŭdacas aperi kun la finaĵo "n" en la sama paĝo, 21ª linio de la 5ª kolumno tiel malhepante la ĉeeston de s-ro AL post s-ro EKVOJAĜI.

La t.n. MALVOLVO, kiu uzurpas la profesion de s-ro DISVOLVO en la paĝo 6, 3ª kolumno (sub "Profesoroj serĉataj"), 12ª kaj 13ª linioj.

La t.n. MALVOLVON, kiu agas same en la samaj paĝo kaj kolumno, 13ª kaj 14ª linioj, rilate al s-ro DISVOLVON.

La t.n. POR, kiu aŭdace paradas tute nenecese en la sama paĝo, 6ª linio sub "Kooperativo kaj junularo".

La t.n. LIBRETOJ, kiu kontraŭleĝe deĵoras sen la deviga finaĵo "n" en la paĝo 8, 36ª linio de la 1ª kolumno.

Doninte al ĉiuj la supre menciitaj deliktuloj po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliajn vertojn, ili estis tuj liberigitaj.

Esperburgo, la 7-an de Aprilo 1986

LA ĈEFKOMISARO

Al. Zibjades

# Niaj Geamikoj el....

## .... Jugoslavio

LEGENDO PRI MARKO (1)

Iu malriĉa kamparano formanĝis en iu gastejo du kuiritajn ovojn kaj pecon da pano, sed li ne povis pagi. La gastejisto atendis tiun ĉi ŝuldon dek jarojn, poste li iris al la reĝo Marko por plendi: "Antaŭ dek jaroj iu kamparano el mia loĝloko formanĝis en mia gastejo du kuiritajn ovojn kaj pecon da pano, kaj ĝis nun li ne pagis al mi. La kamparano min multe domaĝis. Per tiuj du ovoj mi havus du kokojn, ili ovonaskus kaj ili poste elkovus kokidojn, tiuj ĉi kokidoj kreskus, ili ovonaskus, poste ili elkovus kokidojn... Mi kalkulis, kun mia edzino, kaj mi konkludis, ke dum dek jaroj mi gajnus helpe de tiuj du ovoj multe da mono por ovoj kaj kokoj... Mi petas vin postuli de la kamparano pagi al mi la ŝuldon".

Marko pacience aŭskultis la gastejiston kaj promesis helpi. Baldaŭ Marko invitis siajn korteganojn, kaj li demandis pri ilia opinio.Post lonpripensado ili diris, ke la gastejisto pravas, ĉar li postulas la ŝuldon.

"Bone, diris Marko, mi volas diri al vi ankoraŭ ion. Mia kampo devas esti morgaŭ prisemita. Preparu boligitan tritikon".

La korteganoj ekrigardis unu la alian, kaj la plej kuraĝa el ili diris al Marko:

"Ni faros kiel vi postulas sed, kiel ĝermos la boligita tritiko ?"

Marko respondis:

"La boligita tritiko ĝermos same kiel la kokidoj eloviĝus el la kuiritaj ovoj".

La korteganoj post tiuj ĉi vortoj de la reĝo Marko ŝanĝis sian opinion, ankaŭ la gastejisto.

La popolan legendon tradukis Branka Leontiĉ

(1) Marko estis filo de la serba reĝo Vukaŝin Mrnjavĉeviĉ kaj li vivis en la 14ª jarcento.Kiel turka vasalo li regis en okcidenta parto de Makedonio.

Marko estas la plej populara persono en la popolaj poemoj de Jugoslavio. Li ĉiam defendis la popolon kontraŭ perforto kaj tiraneco.



# ....Svedio

## LA VITROREGNO

En la provinco Smolando en sudorienta Svedio inter la urboj Växjö kaj Kalmar estas regiono, kiun oni ofte nomas "La Vitroregno" (svede Glasriket). Tie situas la plej multaj vitrofabrikoj en nia lando, kaj kelkaj el ili apartenas al la plej famaj en la mondo.

Dum la vikinga tempo oni el meza Eŭropo importis vitron, pleje en formo de bele facetitaj pokaloj. Multaj tiaj estas trovitaj en tomboj de tiu tempo. Ankaŭ dum la mezepoko tia importo daŭris, sed tiam la vitro estis de malpli bona kvalito.

En la mezo de la 16ª jarcento la sveda reĝo Gustav Iª tamen lasis konstrui vitrofarejon en Stokholmo, kaj lia filo Erik XIVª invitis al Svedio veneciajn vitroblovistojn. Poste Karl IXª agis por vitrofarado en nia lando, establis fabrikojn kaj havigis vitromajstrojn ekz. el Bohemio. En la 17ª jarcento ekzistis almenaŭ 16 vitrofabrikoj en Svedio, la plej multaj en la valo de la lago Mälaren.

En la sekvanta jarcento oni establis multajn vitrofarejojn ĉie en nia lando. Karl Gyllenhielm, filo de la reĝo Karl IXª, fondis tiajn en suda Smolando - per helpo de eksterlandanoj kiel Paul Gaukunkel kaj Arnold de Rees.

En la jaro 1.742 oni komencis fari vitraĵojn en la fabriko Kosta, kiu nun estas unu el la plej konataj vitrofarejoj. La nomon tiu fabriko ricevis de ĝiaj du fondintoj la guberniestroj Koskull kaj Stael von Holstein.

Dum la dua duono de la 19ª jarcento okazis la granda amasiĝo de vitrofabrikoj en Smolando. Tiam oni povis ekparoli pri la Vitroregno. Dum la jaroj 1.860/1.900 establiĝis en Smolando 42 vitrofarejoj, kaj el tiuj 30 en la gubernio — Kronoberg.

Grava kaŭzo de tio, ke la smolanda vitroregno estiĝis, estis la ekzisto de Kosta. Tie troviĝis koncentrita metilerteco. Tie ankaŭ estis multaj majstroj, kiuj volis fariĝi posedantoj de propraj fabrikoj. Estis en tiu tempo granda demandado pri vitraĵoj. Multaj malgrandaj ferfabrikoj en Smolando ne plu estis - profitodonaj. Iliaj laboristoj transiris al vitrolaborado. Arbarproduktoj liberiĝis kaj povis esti uzataj en la vitrofarejoj.

Dum la nuna jarcento oni raciigis la fabrikadon. Platvitron, kio antaŭe estis farita permane, oni nun faras permaŝine kaj en nur du grandaj entreprenoj. La produktado de enpakaĵvitro koncentriĝis al tri fabrikoj. En la aliaj oni produktas objektojn por ĉiutaga uzado kaj artvitraĵojn.

La jaroj 1.916/1.917 fariĝis trapenetraj por la sveda artvitro. La elstaraj artistoj Simon Gate kaj Edvard Hald tiam venis al Orrefors, kiu nun estas tre konata fabriko por artaj vitraĵoj. Al Kosta venis la vitroartisto Edvin Ollers, kaj poste ankaŭ aliaj fabrikoj havigis al si bonajn artistojn. La antaŭa simpla facetado de la objektoj evoluiĝis al altstara artspeco.



Dum la jaroj de la dua mondmilito venis grandaj malfacilaĵoj por nia vitro-industrio, sed la du sekvaj jardekoj estis bonaj. Alvenis multaj novaj vitroartistoj - mi ne provos mencii ilin ĉiuj - kaj oni laboris laŭ novaj interesaj - metodoj.

Post la 1.960-aj jaroj oni devis ĉesigi multajn entreprenojn pro konkurenco de aliaj landoj kun malpli altaj laboristsalajroj. Tio koncernas la fabrikadon de la malmultekostaj vitroobjektoj.

La restantaj vitrofarejoj plejparte laboras pri artkvalitaj artvitraĵoj.

Multloke oni establis apartajn art-fandejojn, kie vizitantoj aŭ aĉetantoj povas rigardi la produktadon de deziratajj objektoj.

Samtempe kiam la smolandaj vitrofabrikoj produktas malmultekostan maŝinefaritan vitron en konkurenco kun eksterlandaj fabrikoj, oni precipe faras artajn vitraĵojn de la plej alta kvalito. Multaj tiaj objektoj estas mondkonataj.

Lastatempe La Vitroregno fariĝis grava turistcentro. Individue kaj grupe - homoj vojaĝas tien por en la ekspoziciaj budoj rigardi aŭ aĉeti la vitraĵojn. Tio estas kiel rigardi sorĉadon. Multaj el la ordinaraj laboristoj estas veraj artistoj, kiuj heredis sian lertecon tra generacioj.

Sed en La Vitroregno la vizitantoj ankaŭ trovas diversajn amuzestablaĵojn. Kaj almenaŭ homoj el pli dense loĝataj regionoj kutime ŝatas la arbarojn, la boskojn, la herbejojn kaj la multajn foliarbĉirkaŭitajn trembrilantajn lagojn.

Fine oni ne forgesu, ke en la urbo Växjö troviĝas la plej granda vitraĵmuzeo de la norda Eŭropo.

Kontribuaĵo sendita de Malte Markheden







# PERLETERA AMIKECO



- GEORGI DIMITROV TROEV/29 j./ studento/ Ĵ.K. "V.DRAMOV", BL. 20, VH. A, AP. 15, 8600 JAMBOL, BULGARIO.
- ŜLAVĈO VASILEV PALATOV/22 j./ kaj NIKOLAJ GEORGIEV ISPIROV/25 j./ studentoj/ ŜTAJA 214, STUDENTA OBŜTEĴITIE, 8600 JAMBOL, BULGARIO.
- LJUBER SLAVĈEV LJUBENOV/24 j./ studento/ STUDENTA OBŜTEĴITIE, STAJA 317, 8600 JAMBOL, BULGARIO.
- ANGEL ĴELJAJNOV ILIEV/28 j./ laboristo/ S.HAĜIDIMITROVO, DISTRIKTO JAMBOL, BULGARIO.
- STANKA DIMITROVA VANGELOVA/24 j./ oficistino/"Ĵ.K. SJULEMEZOV" , BL. 19, VH.A. AP. 21, 8600 JAMBOL, BULGARIO.

* * *

- SCHMIDT KLARA/28 j./ instruistino/ 1063 SZIV. u. 17 BUDAPEŜTO, HUNGARIO.

* * *

# medicino kaj scienco

SOCIETO DE RUĜA KRUCO EN LA SOCIALISMA RESPUBLIKO RUMANIO

SANGO DE UNU HONORA DONACANTO DE SANGO SAVIS MIAN VIVON....ĈU EBLE ĜI ESTAS VIA?

KIUJ ESTAS LA SANGOGRUPOJ KAJ KIEL FARAS LA SANGOTRANSFUZON?

Du esploristoj, sendepende unu de la alia eltrovis, ke ĉe la homoj estas 4 grupoj de sango. Tiu estis grava eltrovo por transfuzi sangon sen danĝero inter la homoj.

La unua scienculo nomis la 4 sangogrupojn per literoj: O, A, B kaj AB, kaj la alia nomis ilin per romanaj numeroj: I, II, III, IV.

Nuntempe la sango-grupojn oni nomas tiel: O (I), A (II), B (III) kaj AB (IV).




Figuro: AB-IV —— AB-IV

Sur nia planedo ĉiuj homoj apartenas al iu el la sangogrupoj menciitaj supre.

En 1.940 j. oni eltrovis unu novan faktoron de la sango, Rh-faktoron,kiu havas signifon okaze de sangotransfuzo kaj en la tiel nomata: "Hemoliza malsano de la novnaskitoj". Tiun oni eltrovis en la sango de la antropoida simio, Macaccus - Rhesus, kaj oni konstatis, ke ĉi tiu faktoro ekzistas ankaŭ en 85% de la homoj, kiuj estas Rh pozitivaj, kaj tiuj al kiuj mankas tiu faktoro, estas Rh negativaj - (15%).

En Rumanio la grupo O (I) estas ĉe la 36% el la popolanoj; A(II) 41% ;B(III) 16% kaj AB(IV) 7%.

Tiel ĉiuj homoj havas 2 fundamentajn karakterizajn sangogrupojn: Ekz. : O (I) kun Rh pozitiva, O (I) kun Rh negativa , A(II) kun Rh pozitiva, A (II) kun Rh negativa, ktp.

La O (I) Rh negativaj nomiĝas ankaŭ "universalaj sangodonacantoj", ĉar ilia - sango estas transfuzebla al ĉiuj homoj, kaj la AB (IV) Rh pozitivaj, "universalaj ricevantoj", ĉar al ili oni povas transfuzi nur la sangon, kiu estas de grupo sama. Ĉiuj homoj povas ricevi sangon de donacantoj, kiuj havas sangogrupon konvenan al sia sangogrupo.(Rigardu la figuron!)

Ĉe la virinoj, kiuj havas negativan sangogrupon, okaze de gravedo, povas aperi anti-Rh antikorpoj, se ilia feto estas Rh pozitiva, heredite de ĝia patro.

Tiuj antikorpoj povas endanĝerigi la sekvontajn gravedojn, ĉar sur transplacenta vojo ili povas kaŭzi la jam menciitan "hemolizan malsanon de la novnaskitoj". Tial la Rh negativaj gravedulinoj, kiuj havas Rh pozitivan edzon, estas registritaj ĉe la sangotransfuzaj centroj pro la izo-imuna controlo.

KIOMA ESTAS LA VOLUMENO DE SANGO EN LA HOMA ORGANISMO?

Ĉe la adulto, ĉirkaŭ 70 kg. la kvanto da sango estas 5-5½ l.

Okaze de unu sangodonaco oni kolektas 300 ml. da sango, kio reprezentas ĉirkaŭ - 18-an parton de la tuta volumeno de la sango.

Post donaco tiu-ĉi volumeno kompletiĝas dum 2-3 horoj.

La nombro da sangoĉeloj kompletiĝas – dum 15-20 tagoj post donaco.

La medicina scienco pruvis, ke la sangodonacado, kiu estas homama ago, estas sendanĝera eĉ stimulas la normalan funkciadon de la homa organismo.

KIAM ESTAS BEZONA LA TRANSFUZO DE SANGO ?

.Grandkvantaj hemoragioj post akcidentoj.

.Grandaj operacioj.

.Operacioj de la koro.

.Gravaj anemioj.

.Gravedaj hemoragioj aŭ ĉe la naskoj.

.Gravaj malsanoj, kiam oni aplikas artefaritan renon.

.Hemoliza malsano de la novnaskitoj.

MALGRANDA KVANTO DA VIA SANGO POVAS SAVI VIVON. ESTU HONORAJ SANGODONACANTOJ !

Ĉiuj sanaj civitanoj, inter 18-65 jaroj povas esti sangodonacantoj. Antaŭ ĉiu sangodonaco oni faras kuracistan kontrolon, por eviti riskojn de la sanstato de la sangodonacanto. La donaco de sango ne influas la bonsanon kaj la laborkapablecon de la donacanto!

Tamen, la donaco de sango havas jenajn kontraŭindikojn:

.Por la virinoj, en la periodo de gravedo, post 18 monatoj de nasko kaj okaze de menstruo.

.Okaze de febroj, gripo aŭ aliaj malsanoj en manifestada stadio.

.Se la sangodonacanto suferis dum epidemio hepatito, sifiliso kaj tuberkulozo.

.Post 45 tagoj de kirurgiaj intervenoj aŭ pli kurta templimo de lasta donaco.

LA PLEJ GRAVAJ SANGOPRODUKTAĴOJ

1) Hemostazaj produktaĵoj, kiujn oni aplikas en hemoragioj: Antihemofilia liofilizita plasmo, injektebla fibrinogeno, trombino por loka aplikado, spongo de fibrino kaj membrano de fibrino.

2) Imunoterapiaj produktaĵoj: Humana imunglobulino en la prevento kaj terapio de diversaj epidemiaj malsanoj. Imunoglobulinoj por protekti la Rh negativan patrinon.

3) Produktaĵoj kun hemodinamikaj efikoj, por kompletigi la perditan sangovolumenon en la sangocirkulado: Homa albumino, integra plasmo, senfibrina plasmo, liofilizita plasmo.

4) Produktaĵoj, kiuj enhavas nur la sangoĉeloj: Eritrocita kaj leŭkocita maso.

5) Produktaĵoj, kiuj havas cikatrigajn, regenerajn efikojn, por stimuli la vundokuracadon: Pulvero de eritrocito kaj pulvero de fibrino.

Laŭ niaj leĝoj en Rumanio, la sangodonacantoj havas jenajn favoraĵojn:

.Je la tago de sangodonaco la dungitoj havas liberan tagon, sed ili ricevas la tutan salajrosumon por tiu tago, kiel okaze de labortagoj; la studentoj kaj lernantoj ne partoprenas lernokursojn.

.Post sangodonaco ili ricevas senpagan abundan tagmanĝon.

.Ili ricevas 200 Lei-premion, se ili sangodonacis kvinfoje dum la lastaj 2 jaroj. (HCM nr. 1150-27-V-1968)

.Senpagan kuracadon en la hospitaloj, ambulancoj ĝis 1 jaro post la lasta donaco. (Dekreto n-ro 246-29-V1958)

La honora sangodonaco estas nobla ago kies valoron konfirmiĝis ĉie sur nia planedo, do esti honora sangodonacanto estas civitana tasko en nia patrujo.

Helpu ĉiujn, kiuj estas en vivdanĝero, tio estas heredita principe por ĉiuj generacioj de la rumana lando.

UNU GUTO, CENTO DA GUTOJ kaj pli multaj gutoj en sama loko, oni skribas per oraj literoj kiel elstaran humanisman geston!

Teksto de SURULESCU kaj D-ro TODESCU C.
Esperantigis: D-ro GABOR LAZAR
Cod 4055 COVASNA, str. Stefan cel Mare nº 26/A, RUMANIO

# Iran-Esperanto Raportas

NOVA PROGRAMADO PER "ESPERANTO" POR

EKSTARIGO DE GRANDAJ MERKATOJ

(Reuter, Boston, Dec.6) - Komputila lingvo patronita de la Usona Armeo,kiu nomiĝis je la 19-jarcenta angla grafino, ŝajnas ek-estigi grandan nov-merkaton en softvara komercado.

"Ada" de la Pentagono, adoptita lastjare kiel ĝia komuna programad-lingvo por defendo-bezonoj, povus rezulti en vendado entute 15 miliardojn da dolaroj jare nur por armeo ekde 1990, laŭdire de analizistoj.

Komputil-programoj estas skribitaj nuntempe, en pli ol 300 lingvoj, multaj el ili evoluis en la 1950-aj jaroj. Komputiloj, kiuj plenumas programojn skribitajn en iu lingvo, ne povas kompreni tiujn skribitajn alilingve.

En 1975, la Pentagono, unu el la plej grandaj komputil-uzantoj de la mondo, mendis lingvon, kiu povus normigi ĝian softvaron, eliminante "dialektojn".

"Ada" estas la rezulto. Oni konsideris ĝin pli rapida ol ĉiuj antaŭaj lingvoj. Ĝi ankaŭ povas forigi la bezonon por sintaksaj kontroloj, kiujn aliaj lingvoj bezonas antaŭ plenumado de programo.

Eĉ pli grave, ĝi povas ebligi programon esti transigita al diversaj komputil-modeloj sen reskribado. Ĉi kapablo konata al ekspertoj, kiel "portebleco", faras ĝin parenca al la universala artefarita lingvo Esperanto.

"Ada" ne estas akronimo, sed la nomo de la filino de poeto Lord Byron,Lady Augusta Ada Byron, grafino de Lovelace. Ŝi estis matematikistino konsiderita kiel pionirino de modernaj komputil-programistoj.

Septembre, la usona Nacia Aeronaŭtiko kaj Spac-Administracio (NASA) elektis "Ada"-n por softvara programado por spac-stacio lanĉota en 1992, kaj por progresinta kontrol-sistemo aertrafika.

La "Ada"-a normo estis ankaŭ adoptita per NATO kaj la Brita, Itala kaj Okcident-germana armeaj servoj. La plej grava komerca kliento por "Ada", pleje estas Boeing Corporation, kiu lastatempe decidis uzi la lingvon en disvolvigo de sia nova komerca aviadilaro.

IER/45 14/12/1985
(Irana angla-lingva tag-ĵurnalo)
VOL. VI No.1423,p. 4
TEHERAN sabato, Dec.7,1985
KAYHAN INTERNATIONAL

El la angla esperantigis:
F-ino Giti Ahmad-nia UEA FD.
pri studentaj aferoj.
Kh. Zafar, Kh. Khojand,
Kh Dolatshad, K. Iraj 33,
Tehran 19-166, Iran.

# PRINTEMPA FABELO

La maljuna Avo Vintro sentis sin jam laca pro la longa regado. Ekde Novembro li estis ŝutinta neĝon, frostiginta ĉiun riverojn kaj la maron – tio ne estis facila laboro. Nun estis jam la monato Marto. La suno brilis ĉiam pli kaj pli varme, la neĝo ekdegelis. Tio estis la signo, ke proksimiĝas la tago, kiam Avo Vintro devos transdoni la mondon al la juna, bela kaj laborema Printempa Feino.

En la fino de Marto alvenis la Printempa Feino. Ŝi akceptis de Avo Vintro la mondon.

La mondo, malpura, malgaja kaj sen iu verdaĵo, tute ne plaĉis al la Printempa Feino. Ŝi tuj komencis krei florojn.

La Feino rigardis l'bluan ĉielon – kaj donis la koloron de la ĉielo al la unua floro hepatiko. Poste ŝi rigardis la sunon kaj donis ties koloron al la dua printempa floro tusilago. La tria floro, kiun kreis la Printempa Feino, havis blankan koloron je memoro de la degeliĝinta neĝo, kaj ŝi igis ĝin kreski en arbustaro, kie estis restaĵoj de neĝo. Tiel la tria floro, la anemono, kreskas ankaŭ nuntempe en frua printempo en arbustaro.

Por helpi al la homoj post longa vintro la Printempa Feino metis en la florojn ankaŭ medikamentojn. Hepatiko helpu kontraŭ dentodoloro, reŭmatismo kaj hepatmalsanoj. En la flava, sunkolora tusilago estu medikamento kontraŭ tusado. Anemono helpu kontraŭ nerva doloro kaj reŭmatismo. Tiel decidis la Printempa Feino pri la tri unuaj printempaj floroj.

Johannes Palu

ESTONIO

# KUIRANTE KUN PILAR

## ASPARAGOJ KUN FROMAĜO

INGREDIENCOJ: 500 g. da asparagoj.
60 g. da butero.
Raspita parmesana fromaĝo.
Salo.
Akvo.

---

Maldike senŝeligu la asparagojn kaj kuiru kaj kuiretu en salita akvo por kovri ĝis moliĝo.

Kribru ĝin.

En fajrrezistanpladon metu la asparagojn kaj kovru bone per fandita butero kaj fromaĝo.

Metu en varmegan bakfornon kaj baku ĝis la fromaĝo fandiĝu.

BONAN APETITON !

# DISTRAĴOJ

## Supo de literoj

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| C | I | P | R | O | V | A | J |
| O | T | N | A | Z | U | A | K |
| L | E | O | Z | O | P | I | R |
| I | S | N | O | M | I | N | E |
| S | U | E | R | R | L | O | T |
| E | M | A | J | O | R | K | O |
| O | I | R | E | F | B | U | N |
| N | A | V | I | G | A | D | O |

Tiu ĉi kvadrato plena de literoj enhavas ses nomojn de insuloj. Serĉu ilin !
Por la celo vi povas legi horizontale, vertikale kaj eĉ diagonale en ambaŭ direktoj sed ne transsaltu literoj.

## HELECO - ENIGMO




HORIZONTALE:
1.- Arbo konifera. Frapi por tranĉi per batoj de diversformaj pezaj iloj. 2.- Aparte grava internacia kontrakto. Unuo de elektra resistanco de kondukilo, kiu tralasas kurenton - de unu ampero sub tensio de unu volto. Aŭtomobilo. Fonto de elektra energio, uzanta la transformiĝon de la ĥemia energio. Speco de saketo alkudrita al vestaĵo. Punkto egaldistanca de la ekstremaĵoj en spaco aŭ tempo. 3.- Griza mola metalo tre peza, ĥemia elemento Pb. Gluti fluaĵon. Prepozicio montranta ke movo komenciĝinte antaŭ iu loko, pasas en tiun lokon kaj daŭras pluen. Tempa adverbo signifanta "senprokraste post tiu momento". 4.- Maljuna. Fordonaci ion multvaloran sur altaro de diaĵo por ĝin honori aŭ mildigi. Starigi ion, kunordigante ĝiajn partojn por plenumi difinitan funkcion; doni al io la necesajn organojn por funkciadi. Aro da elementoj kunordigitaj en vivanta korpo por plenumi specialan funkcion. Fera bloko, sur kiu forĝisto batas metalojn. Knabo, kies patro aŭ patrino mortis.

VERTIKALE:
A.- Manradiko. B.- Akvomaso, kiu leviĝas kaj refalas ĉe supraĵo de maro, lago aŭ rivero, blovata de vento. Artifike kaj lerte trompa. C.- Sesedro. Ĉ.- Statuo, figuro de diaĵo, kun formo de estulo aŭ de objekto, kaj honorata per kulto. D.- Prepozicio signifanta "koncerne al, teme de" kaj uzata post verbo por montri la objekton, okaze de kiu fariĝas la ago. E.- Gajniga koloro en la kartludoj. F.- Same kiel 2 horizontale: Unuo de elektra.... G.- Klare vidiĝi per eksteraj signoj, evidentiĝi. Ĝ.- Du kaj unu. H.- Nombro dividebla nur per si mem kaj per la unuo. Ĥ.- Persona nedifinita pronomo, signifanta "la homoj; multaj aŭ kelkaj personoj". J.-Havanta opinion aŭ konduton konforman al vero kaj justo. Ĵ.-Egalaj vokaloj. K.- Adv. signifanta "pli ol sufiĉe, ol necese, ol konvene, ol ĝustamezure". L.- Mezuro de longo por vojoj, malegala laŭ la landoj (angla: 1.609 m.; germana: 1.420 m.; mara: 1.852 m.) M.- Duklapa manĝebla molusko.

## SOLVOJ AL LA ENIGMOJ APERINTAJ EN LA 46ª NUMERO DE "HELECO"

ĈU VI SATAS MATEMATIKON ?
.La ordo de la serĉitaj numeroj estas jena: 318659724

MOVOJ DE ĈEVALO
.Kion Dio ne donis, tion perforte ne serĉu.

KUBOMANIO
.La serĉitaj literoj estas:O,L,K, kaj la vortoj en kiuj aperas ĉi tiuj literoj, estas:
1) Baki. 2) Bio. 3) Balo. 4) Kalo. 5) Kilo.

KIOMA HORO ESTAS ?
.Dek ok minutoj post la oka.

SUPO DE LITEROJ

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | B | R | A | Z | I | V | O |
| O | O | I | R | A | T | N | O |
| L | I | S | T | R | O | O | G |
| A | T | E | R | T | G | I | A |
| K | O | N | A | Ñ | E | L | L |
| J | E | L | S | O | N | O | L |
| A | A | R | I | T | O | L | A |
| B | L | A | S | E | R | O | S |

## MOVOJ DE ĈEVALO



| | | | |
|---|---|---|---|
| LA | EĈ | VAS | HUN |
| BO | DO | RE | KON |
| ĜO | TRAŬ | JI | PO |

Komencante per la silabo HUN kaj laŭ la movo de la ĉevalo en la ŝakludo, trovu konatan proverbon.